// ESPERANTO
EN AZIO KAJ OCEANIO

n-ro 109 novembro 2020

Bulteno de KAOEM | Komisiono pri Azia-Oceania Esperanto Movado
Universala Esperanto-Asocio (UEA)

La Redaktoro Malferme

# La nepoj transprenos niajn heredaĵojn, sed ni unue bezonas trovi heredontojn

Albert Stalin Garrido

Eble multaj konas la unu el la famaj diroj de Ludoviko Zamenhof: "*La nepoj nin benos, se ni pacience eltenos*." El tiuj vortoj burĝonis respondoj, inter kiuj estis: "*Ĉu la nepoj nin benos*?" kiu estis la temo de la 99-a Universala Kongreso en Bonaero, kaj ankaŭ "*La nepoj nin benos, se ni ion al ili transdonos,*" per kiu Orlando Raola nomis sian prelegon kadre de la Virtuala Malferma Tago de Universala Esperanto-Asocio la lastan aprilon.

La preskaŭ plena virtualigo de la esperantista mondo, kiu rezultis el la eksplodo de la pandemio, malpligrandigis la generacian dividon inter la avoj kaj nepoj: ĉiuj same malkovris la nemalhaveblan bezonon turni sin al pli modernaj metodoj kunveni, kunlabori, kaj varbi. La novtipaj kongresoj, kiuj ĉi-foje dividas homojn ne per nesupereblaj baroj de mono kaj vizo sed per ekranoj kaj kvarantenaj reguloj, konsistis el pli bonaj proporcioj inter diversaj aĝogrupoj. Kvankam iuj devis (kaj ankoraŭ devas) barakti kun la neeviteblaj teknikaj malfacilaĵoj, la oportuno sentiĝi parto de la tutmonda komunumo, forme de "Esperantujo," fariĝis pli bona kaj konkreta tiurilate.

Tiun lastan parton pruvis 14 filipinaj junuloj, kiuj fariĝis la unuaj filipinanoj partoprenintaj la retan Internacian Junularan Kongreson (IJK) en julio–afero, kiu neniam okazis en ĉiuj pasintaj 75 ripetoj de tiu kongreso. La platformo, *Retevent*, kiun uzis ne nur IJK sed la Virtuala Kongreso, estis brila kreaĵo de la itala programisto Edoardo Nannotti, mem ankoraŭ juna.

La mondo, kiu ĉi-jare abrupte kaj preskaŭ plene ŝanĝiĝis antaŭ niaj okuloj kaj kies novajn dinamikojn oni nur komencas plene kompreni, neeviteble aperigis novan spacon por freŝaj ideoj kaj pli modernaj metodoj. La samo devas esti vera por Azio kaj Oceanio, kiuj mem estas ĉe la frontlinioj de scienca kaj teknologia antaŭeniro, demografia eksplodo, kaj modernaj kulturoj. Tamen, ĉu tio vere estas la observebla kazo en Esperantujo?

Laŭ la ekzistantaj datumoj de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO), nur 9 landaj junularaj organizoj troviĝas en Azio kaj neniu en Oceanio. Inter tiuj estas 8 aliĝintaj al TEJO kaj unu ankoraŭ ne. Komunaj trajtoj troviĝas inter tiuj organizoj estas, ke ili luktas kun malgranda membronombro, la malfacileco transdoni gvidon al novaj homoj, kaj manko de aliro al bonaj materialoj kaj praktikoj por sin pligrandigi. Bedaŭrinde, la plena virtualigo de Esperantujo ŝajne ne multe plibonigis la situacion.

Do, ĉu la junularo vere estas la estonteco de Azio kaj Oceanio? Por tion realigi, kion la cetero de la azia kaj oceania Esperantujo devas fari? Kiel KAOEM kaj lokaj esperantistoj devas konduki movadoj antaŭen? Kiujn valorajn lecionojn ni lernis el la sukceso de virtuala agado kaj povos apliki, por ke ni povu trovi la nepojn, kiuj transprenos tion, kion ni komencis? ■

## Denove nova redaktoro?

Mi estas Albert Stalin Garrido, la prezidanto de Filipina Esperanto-Junularo (FEJ). Mi ankaŭ kunordigas la azian junularan movadon por TEJO.

Mi provizore gvidos la redaktadon de **Esperanto en Azio kaj Oceanio** ĝis la venonta jaro. Mi ŝatus aŭdi vian opinion pri tio, kiel ni povos plibonigi informadon ne nur per tiu ĉi bulteno, sed ankaŭ per aliaj kanaloj.



# MondaFest' sukcese fermiĝis




Sukcese finiĝis en septembro la trimonata MondaFest' 2020. Dum MondaFest' ankaŭ estis publikigita la Festivala Kuriero, kun entute 20 numeroj. Elŝutu kaj legu ĉiujn numerojn ĉe mondafest.net/kuriero.

Gratulon kaj dankon al ĉiuj, kiuj kontribuis al la granda sukceso de MondaFest'!

# La redakcio petas vian paciencon

Karaj abonantoj, kiel vi eble rimarkis, **Esperanto en Azio kaj Oceanio** nun trairas gravajn ŝanĝojn: ne nur en la gvidado, sed ankaŭ en la formo kaj kvalito. Ofte, ŝanĝoj bezonas tempon, sed la produkto en la fino estas bona. Portempe, bonvolu legi unue retan (koloran) eldonon de la bulteno, kiun vi povos trovi kaj elŝuti el la retejo de KAOEM: http://www.esperantoazia.net/index.php?mid=bulteno.

En novembro, ni presos kaj sendos surpaperan eldonon de la bulteno al la kontribuintoj kaj abonantoj. Bonvolu atendi tion.

## Enhave

# Nia Septembra Renkontiĝo



Ilia Dewi (Vicsekretario, KAOEM)

La 19-an de septembro 2020 sukcese okazis virtuale renkontiĝo de KAOEM-anoj per Zoom.

La kunsidon, kiun partoprenis landaj reprezentantoj de Japanio, Koreio, Ĉinio, Vjetnamio, Indonezio, Uzbekio, Aŭstralio, kaj Nov-Zelando, malfermis la prezidanto de KAOEM, Nisinaga Atusi el Japanio, per mallonga prezento pri la celo de la aranĝo. Li diris, ke la aranĝo celas plibonigi la konatiĝon inter KAEOM-anoj. Poste, li petis ĉiujn mallonge prezenti siajn lastatempajn movadojn.

**Landaj reprezentantoj prezentas sin kaj siajn movadojn**

Unue parolis Chen Ji, la reprezentanto de Ĉina Esperanto-Ligo (ĈEL). Ŝi raportis, ke ĈEL lastatempe lanĉis pli ol 20 filmetojn en la ĉina retejo "TikTok" por diskonigi Esperanton. La rezulto estis bonega, ĉar la filmetoj menciitaj allogis 8,000 ŝatantojn. Ili ankaŭ utiligas la apon WeChat, mem ege populara en Ĉinio, por diskonigi al la publiko la valorojn de la lingvo. Rilate tion, ŝi raportis pri la relanĉo de WeChat-konto por faciligi la aĉetadon kaj vendadon de Esperanto-libroj kaj la tradukan laboron pri la Unesko-Kuriero. Krome, en sia raporto ŝi inkluzivis aliajn aktivaĵojn de lokaj organizoj kadre de memorfesto de la 133-a Esperanto-Tago.

Nisinaga Atusi, la prezidanto de KAOEM, prezentis sian agadon lokan, malfermante per tio, ke li laboras en Oomoto, religia organizo bone konata en la loka esperantista movado, kaj ke li estas unu de la nuntempaj estraranoj en Japana Esperanto-Instituto (JEI) kaj okupiĝas pri internaciaj aferoj. Li ankaŭ informis pri ĉi-jara Japana Kongreso de Esperanto, kiu estis okazonta en Nagojo. Pro la pandemio, la kongreso okazos en du manieroj samtempe: duone ĉeesta kaj duone virtuala.

Sekve, So Jin-su el Sud-Koreio klarigis kelkajn eventojn de sia hejmlando, precipe la 52-an Korean Kongreson kaj 100-jaran jubilean ceremonion, kun kiuj samtempe okaos la 2-a Forumo inter Ŝanhajo kaj Seulo.

Li ankaŭ informis pri funebra ceremonio de d-ro Park Wha-chong, honora prezidanto de Korea Esperanto-Asocio (KEA), kiu forpasis la 17-an de septembro.

Nguyen Thi Phuong Mai sekvis per sia raporto pri regulaj esperantistaj agadoj en Vjetnamio. Interalie estis kursoj por komencantoj per Zoom, interesaj renkontiĝoj por kuraĝigi membrojn praktiki sin pri la lingvo, interŝanĝi opiniojn, ktp. Ŝi ankaŭ informis, ke la agado de Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) ĉiam ricevas grandan subtenon de la registaro kaj de la Unio de Amikecaj Organizoj.




El Indonezio, Ilia Dewi raportis tri agadojn: unue, pri kursoj por komencantoj utiligante la Zoom-konton de Irana Esperanto-Asocio (IREA); due, pri la paroliga sesio por komencantoj, kiu estis malfermita al alilandaj partoprenantoj; kaj fine, pri partopreno de indonezianoj en internaciaj aranĝoj: ekzemple, kvin indonezianoj ĉeestis virtuale la feston de la 90-jara datreveno de Internacia Esperanto Instituto (IEI). Kelkaj aliaj ankaŭ interesiĝis pri ĉeesto en la Korea Kongreso okazonta en oktobro 2020.

El Mongolio, Chimedtseren Enkhee unue informis ke la loka registaro nuligis la kvarantenon ĉar ne estas enlanda infektito de KOVIM-19. Tial li povas renkontiĝi kun lokaj esperantistoj. Ekde la lasta renkontiĝo (Tago de Azio kaj Oceanio en junio), ili ankoraŭ daŭrigas la kompiladon de la Esperanta vortaro kaj jam finis traduki la lernolibron de Boris Kolker, kies titolo estas *Esperanto en 10 tagoj*. Li ankaŭ iom klarigis pri Mongola

Esperanto-Societo (MES) kaj la roloj kaj agadoj de ILEI-Mongolio kaj IKEF-Mongolio.

El Oceanio, la reprezentanto de Aŭstralio Sandor Horvath raportis pri somera kursaro kaj kongreso, kiuj regule okazas en januaro ĉiujare. Kaze de la venontjara kongreso, li anoncis, ke fine la ĉeesta kongreso estis nuligita kaj anstatataŭos ĝin la virtuala. Lastatempe, Aŭstralia Esperanto-Asocio (AEA) okazigis virtualan kongreson dum 13 horoj en unu tago, sed tiu formo laŭ li ne plu estis rekomendinda. Krom tio, ili ankaŭ ĉiumonate invitas gastprelegantojn, kiuj rete prezentas dum unu horo pri interesaj temoj, pri kiuj ĉeestantoj povus poste diskuti.

Poste, reprezentante Nov-Zelandon, Bradley McDonald iom parolis pri la situacio de la landa asocio kaj de etaj grupoj en la urboj Christchurch kaj Wellington. Li ankaŭ raportis pri la agado de Esperanto-Societo de Aŭklando kaj grupo de junuloj kiuj agadas en la loka universitato. Sur la internacia nivelo, li notis ke jam de antaŭ multaj jaroj, novzelandaj esperantistoj havas amikan kunlaboron kun iliaj aŭstraliaj najbaroj kaj plurfoje organizas komunajn kongresojn.

Kvankam li ĉeestis la renkontiĝon, Gafur Mirzabaev de Uzbekio ne povis paroli pro iu teknika malfacilaĵo. Daŭrigante la kunvenon, Nisinaga Atusi informis pri la irado de la 107-a Japana Kongreso, kiu komenciĝis en 19an de septembro kaj estis ekskluziva nur al pagintoj. So Jin-su ankaŭ iom parolis pri la preparado de Korea Kongreso kiu okazos virtuale kaj estos senpaga kaj malfermita al alilandanoj. Li invitis la aliajn KAOEM-anojn, ke ili partoprenu en la kongreso kaj prezentu la diversajn lokajn kutimojn en Azio kaj Oceanio pri homaj nomoj. Poste, ekestis diskuto rilate al la avantaĝoj de ĉeestaj kaj virtualaj aranĝoj kaj la uzado de teknologio por sukcesigi kongresojn en la nuna monda situacio: nuntempe, multaj aranĝoj estas virtuale okazigataj; samtempe, oni ankaŭ komencas organizi hibridajn kongresojn. Fine, ankaŭ estis diskuto pri la roloj de junuloj en la movado.

## La celoj de KAOEM: starigo, stabiligo, kaj kunlaboro

Sekve, Nisinaga Atusi petis la parolon de Inumaru Fumio, eksa vicprezidanto de KAOEM. Inumaru informis, ke ekde la venonta numero de ***Esperanto en Azio kaj Oceanio***, Albert Stalin Garrido de Filipinoj ekrolos kiel ĉefredaktoro en oktobro. Poste, li daŭrigis la parolon pri la celo de komisiono: la starigo kaj stabiligo de memstaraj E-movadoj en aziaj kaj oceaniaj landoj. Laŭ li, KAOEM povas subteni la iniciatojn de lokaj movadanoj, asertante ke estas malfacile gvidi movadon sola. Rilate al kunlaboro, li opiniis, ke necesas komprenemo kaj toleremo, ĉar Azio kaj

Oceanio estas tre vastaj kaj divers-kulturaj mondopartoj. Li ankaŭ malkovris aliajn gravajn punktojn pri la atingoj kaj kunlaboroj en la aziaj kaj oceaniaj movadoj rilate al regionaj renkontiĝoj, kunlaboroj inter najbaraj aŭ proksimaj landoj, subtenado al landoj kun malfortaj movadoj, kaj la graveco de junuloj.

En la lasta parto de renkontiĝo, Inumaru Fumio menciis du temojn, la unua el kiuj temis pri invitado al movadanoj okaze de venonta Azia-Oceania Kongreso, kiu okazos en Seŭlo en 2022, notante ke vojaĝkostoj al Sud-Koreio estas relative altaj. Laŭ li, eble oni povus elpensi manieron similan al la “Azia Karavano,” kiu okazis kadre de la 102-a Universala Kongreso en 2017. Due, pri kunlaboro inter junuloj en Azio: estis kaj estas junuloj el azio, kiuj aktive rolis kaj rolas en TEJO. Ĉiuj konsentas ke junuloj estas gravaj por la estonta movado en azio kaj oceanio.

Antaŭ la fino, ĉiuj interkonsentis okazigi la venontan renkontiĝon en 19-an de decembro je sama horo; 18:00-20:00 (UTC+9). ■


## Esperanto en Azio kaj Oceanio

**Aganta Redaktoro:**
Albert Stalin Garrido (Filipinoj)
+639982491891, albertstgarrido@gmail.com
(*provizore anstataŭanta Kawamoto Hiromi*)

**Kunlaborantoj:**
Nisinaga Atusi, Inumaru Fumio, Hiromi Kawamoto, Doi Chieko
**Eldonanto:**
Komisiono pri Azia-Oceania Esperanto Movado (KAOEM)
(Regiona Komisiono de Universala Esperanto-Asocio)
**Adreso de KAOEM:**
p/a Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
**Retadreso de KAOEM:** p/a Nisinaga Atusi (acero@an.email.ne.jp)
**Retejo:** http://www.esperantoazia.net/

# FEJ 7-jara: renaskiĝinta pli forta en la virtuala mondo



Andrea Marie Dobles

Ĉi-jare, Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) festis la 7-an datrevenon de sia fondiĝo per tutmonata serio de retaj eventoj. La organizo estis fondita antaŭ sep jaroj en la 19-a de septembro 2013. Kvankam la datreveno mem estis kompreneble nur unu tago, ni decidis dediĉi unu tutan monaton por festi tiun specialan tagon.

La ĉefa temo estis *FEJ 7-Jara: #PorNovaFEJ*, kiu interalie agnoskis la pasintajn sep jarojn de progreso de nia organizo pri reklamado de Esperanto al la filipina junularo kaj nian renoviĝintan engaĝiĝon por ligi junajn filipinanojn unu kun la alia kaj kun la cetero de la mondo malgraŭ tio, ke la pandemio ankoraŭ enfermas nin en niaj hejmoj. Persone, dum ĉi tiuj malfacilaj tempoj, FEJ konektis min al vigla komunumo de homoj ĉiuj esperantaj konstruon de pli bona mondo. Ni volas danki al ĉiuj, kiuj festis kun ni kaj helpis nin fari la sekvajn eventojn eblaj.

## 1. Inaŭgura Evento - 15 aŭgusto

Por komenci la datrevenan feston, ni okazigis inaŭguran eventon—trihoran prelegserion, kiu estis malfermita al esperantistoj tra la mondo. Tio estis la unua fojo, en kiu multaj filipinaj esperantistoj samtempe faris prelegon en Esperanto. La inaŭguron malfermis Albert Stalin Garrido, la prezidanto de FEJ, per festparolado. En la unua prelego, "*UP Esperanto-Societo sin prezentas*", Carl Dizon, la prezidanto de tiu organizo, prezentis la agadoj de la sola universitata klubo esperantista en Filipinoj. En alia prelego, Andrea Dobles (mi) kaj Wayne Federigan pri "*Spertoj dum la IJK 2020 el perspektivoj de komencantoj,*" ni parolis pri tio, kion ni lernis kaj kiel ni fartis dum la unua reta Internacia Junulara Kongreso (IJK) kiel relative novaj parolantoj de Esperanto. La du prelegojn sekvis paneldiskuto kun la temo: "*Kiel mi lernis Esperanton dum la pandemio,*" kiujn partoprenis Aaron Bernard Vergara kaj Rommel John Panal. Multaj junaj filipinanoj eklernis la lingvon nur dum la pandemio kaj ili kundividis siajn spertojn. Krom

prelegoj, ni ankaŭ regalis la partoprenantoj per kreemaj prezentoj de junaj filipinanoj: Jullian Patrick Azores ravis nin per muzika prezento kun sia fluto kaj Jubert Wyne Cabrezos per siaj Esperanto kaj tagaloga poezio el Filipinoj. Ni tre dankas ĉiujn 55 homojn el diversaj landoj, kiuj venis por spekti nian unuan eventon. Se vi ne spektis ĝin aŭ volas revidi ĝin, vi povas trovi ĝin en nia jutuba kanalo, "Philippine Esperanto Youth".

## 2. Foiro pri la Lingvoj de Filipinoj - 29 aŭgusto

En nia sekva evento, la *Foiro pri la Lingvoj de Filipinoj*, ni celis enkonduki diversajn filipinajn lingvojn kaj kulturojn al la internacia komunumo per serio da mallongaj prezentaĵoj. Ĉi tio estis ankaŭ nia maniero festi la filipinan *Buwan ng Wika,* aŭ "Nacia Lingva Monato." La unua ĉefa prelego de Leo Fordán, kiu ankaŭ estis la ĉeforganizanto de la Foiro, estis "*Mallonga Kurso pri la Lingvo*", kiu prezentis enkondukon al la filipina lingvo kaj al ĉiuj filipinaj lingvoj ĝenerale. La dua ĉefa prelego, de Albert Stalin Garrido, "*Aprezi Geografion el Filipina Vidpunkto,*" donis la geografian kuntekston de tio, kial filipinaj lingvoj estas tiel diversaj.

Poste, ni montris serion da individuaj lingvaj enkondukoj, entute kvar, prezentitajn de junaj esperantistoj kiuj mem loĝas en diversaj partoj de la lando. Unue iris la cebua (Sebwano), unu el la plej vaste parolataj lingvoj en Filipinoj, kiun prezentis Aaron Bernard Vergara kaj Rodge Feona Sacupayo. Sekvis la varaja (Waray) per enkonduko de Julian Patrick Azores. Trie estis prezento de la hiligajnona (Hiligaynon) de Rommel Panal. Fine, la tagaloga de Batangas (Tagalog-Batangas), prezentita de Wayne Federigan.

Estas notinde, ke en Filipinoj troviĝas pli ol 180 lingvoj, multaj el kiuj estas indiĝenaj kaj minoritataj kaj meritas pli vastan rekonon enlande kaj tutmonde. Ni esperas, ke tiuj, kiuj povis ĉeesti, ricevis pli profundan aprezon por niaj indiĝenaj lingvoj.

## 3. Enkonduka Esperanto-Kurso - 5-6 septembro

Krom ligi la internacian komunumon kun jam firme establitaj filipinaj parolantoj de Esperanto, ni kompreneble ankaŭ volis instigi, ke pli da filipinanoj lernu kaj parolu la lingvon. Tial, ni decidis okazigi senpagan enkondukan kurson kun la titolo "*Lingvo por Konektiĝi al la Mondo*". Ĝi okazis dum unu semajnfino. Entute 40 homoj aliĝis al niaj klasoj, kiuj daŭris entute 8 horojn, kun niaj kvar instruistoj: Albert Stalin Garrido, Carl Dizon, Wayne Federigan kaj Tous Remulla. El tiuj 40 homoj, partoprenis fine 33 en la kurso. Baldaŭ poste, 15 homoj iĝis novbakitaj membroj de la

organizo—rekorda nombro da novaj aliĝoj! Ni povis sekure konkludi, ke la kurso estis sukcesa. La atingo de nia celo kreskigi la organizon esperigas nin pri la estonteco de la movado enlanda.




## 4. Interkona kaj Kleriga Vespero - 12 septembro

Por pli facile enkonduki tiujn, kiujn ni sukcesis varbi en niaj retaj enkondukaj kursoj de la antaŭa semajno, ne mankis amuza nokto por pli bone konatiĝi kun ili per ludoj kaj similaj programeroj. Novaj kaj malnovaj membroj de la Esperanto-komunumo de la lando estis ĉiuj invititaj al la programo, kiu nomiĝis *Amuze!*. Entute 20 filipinaj esperantistoj havis amuzan tempon kune ludante, kaj nin disigis nur komputilaj ekranoj!

## *5.* La 1-a Virtuala Landa Asembleo de FEJ – *19-20 septembro*

Finfine, komencante en la tago de nia datreveno, la 19-a de septembro, ni okazigis nian plej gravan eventon, la 1-a Virtuala Landa Asembleo de Filipina Esperanto-Junularo, dutaga kunveno. Tie anoj de la filipina junulara komunumo, en la sekureco de siaj hejmoj, formale kolektiĝis virtuale por renovigi la organizon kiel pli fortan kaj inkluzivan komunumon, rekonfirmi kaj renovigi ĝiajn plej gravajn celojn, kaj priparoli novajn kaj pli efikajn strategiojn por difini la estontecon de Esperanto en la lando. Entute 22 membroj partoprenis en la du tagaj sesioj. Ni esperas, ke la nombro de aktivaj membroj daŭre kreskos dum ni devos konstrui novan FEJ kune por pli diversaj, pli interligita estonteco. ■

# Historie: nova Estraro de FEJ elektita

En oktobro okazis historia punkto en la historio de Filipina Esperanto-Junularo (FEJ): balotado de nova Estraro. Estis reelektita Albert Stalin Garrido kiel prezidanto, dum aperis novaj Vicprezidanto, Ĝenerala Sekretario, kaj estraranoj pri Informado kaj Eksteraj Rilatoj.

La listo de elektitoj: **Prezidanto:** Albert Stalin Garrido; **Vicprezidanto:** Carl Lorenz Cervantes; **Ĝenerala Sekretario:** Andrea Marie Dobles (Anja); **Estrarano pri Informado:** Leo Gregory Fordan; **Estrarano pri Eksteraj Rilatoj:** Sherena Marie Ocampo.

La postenoj por Ĝenerala Vicsekretario, Kasisto, kaj Estrarano pri Edukado kaj Kapabligo tamen restas vakaj pro manko de kandidatoj, sed la organizo celas plenigi ilin per sesio de la Nacia Asembleo de FEJ en novembro. La balotado por la nova Estraro estis unu el la paŝoj, kiujn la organizo decidis kadre de sia ampleksa reorganiza fazo por renovigi la organizon.

Gratulojn kaj bondezirojn al la novaj estraranoj! La organizo esperas, ke ili povos tre bone plenumi siajn novajn respondecojn. ■

VJETNAMIO — *Landaj Raportoj*

# Vjetnamio: ĉe la frontlinioj de edukado

Tran Thi Hoan (Ĝojo)

En oktobro kaj novembro, ni planas okazigi 2 ĉefajn eventojn. La unua aktivaĵo estas okazigi renkontiĝon por lokaj esperantistoj en Hanojo. La renkontiĝo temas pri "aŭtuno en Hanojo": partoprenontoj, survestantaj aŭzajon, vizitos vidindaĵojn en la urbo kaj instruos esperante unu la aliajn pri la historio de tiuj famaj lokoj. Parto de la renkontiĝo estos dediĉita al trejnado masaĝi vizaĝon, kiu estos gvidota de loka esperantistino.

Koncerne edukadon, Komuna Kunvenejo de Esperanto (KK) kunlabore kun edukado.net kaj VEA planas okazigi KER-sesion en Hanojo en novembro. La sesio estis registrita ĉe la retpaĝaro kaj ricevis kelkajn aliĝintojn. La organizantoj ankoraŭ laboras en propagando por varbi kandidatojn. Espereble, ni havos sufiĉe da kandidatoj, por ke la sesio estu permesota okazi en Hanojo. ■

# Indonezio: pli aktive ol ĉiam rete

Indonezia Esperanto-Asocio

La 18-an de julio komenciĝis la unua baza kurso de Esperanto en la indonezia lingvo. Ni aranĝis tiun ĉi virtualan kurson pro la subteno de Irana Esperanto-Asocio (IrEA), kiu ankaŭ subtenas la Esperanto-kurson en aliaj lingvoj kiel parto de projekto "Tibor Sekelj." Tiu ĉi baza kurso celas helpi al indonezianoj en diversaj urboj kune lerni Esperanton. Ni ankaŭ volis utiligi la ondon de virtualaj aranĝoj, kiuj nun pli ofte okazas pro la pandemio. En oktobro, la kurso jam estis en sia 4-a sesio kun ĉ. 15 kursanoj kaj okazadis sabate je la 1-a ĝis la 3-a horo posttagmeze (UTC+7).



Por partopreni la kurson, oni povas akiri informon per niaj sociaj kanaloj t.e Instagramo, Fejsbuko kaj Tvitero, kaj oni aliĝas simple per retmesaĝo al asosiasiesperanto.iea@gmail.com. Post aliĝo, oni ricevus la Zoom-ligilon kaj la lernomaterialojn. Kvankam la kurso estas por komencantoj, kelkaj kursanoj tamen jam memlernis la bazon per lingvolernaj apoj, ekz. Duolingo, Memrise kaj tiel plu. Ili opinias, ke lerni kune estas pli stimule kaj agrable, ĉar ili povus tuj demandi kiam la lecionoj ŝajnus malfacilaj kaj nekompreneblaj.

Komence de la kurso, s-ro Ahmad Mamdoohi el IrEA malfermas la virtualan klason en Zoom, kaj la kursanoj komencas eniri per la ligilo kiun ili anticipe ricevis. En ĉiuj kursoj, ĉiam aperas novaj homoj, krom la kursanoj kiuj jam regule sekvas la kursojn. Por tiuj novuloj, estas apartaj lecionoj per

retmesaĝo aŭ WhatsApp por ke ili havu la saman nivelon kun aliaj. Oni povas interkonsenti pri la detaloj de la kurso kun Ilia Dewi, la kursgvidanto.

En ĉiuj sesioj, la kursanoj lernas la bazan gramatikon uzante la librojn *Kunci* (aŭ *Ŝlosilo*), *Esperanto Per Rekta Metodo* en la indonezia lingvo, *Poŝamiko*, kaj lernmaterialoj de Edukado.net. Post la lecionoj, estas taskoj kiujn oni nepre devas fari por akiri atestilon de partopreno.

Krom tiu baza kurso, ni organizas ankaŭ paroligan sesion por komencantoj virtuale per Zoom. Ĝi okazas en dimanĉa vespero, du fojojn monate. Tiu ĉi aranĝo celas helpi al la komencantoj havi kuraĝon paroli la lingvon kaj ekzerci sin pri sia parolkapablo. Por aliĝi al la paroliga sesio, oni nur sendu sian nomon kaj telefonnumeron al la sama retadreso supre indikitan. Lastan fojon, la paroliga sesio okazis la 4-an de oktobro kaj la venonta sesio okazus la 25-an de oktobro. La paroliga sesio estas ne nur por indonezianoj sed ĝi estas malfermita ankaŭ al alilandanoj, kiuj deziras ekzerci sin pri sia kapablo konversacii aŭ simple babili pri diversaj temoj. Ĉiu sesio daŭras ĉ. 1.5 horojn, kaj partoprenantoj havas ŝancon paroli sekvante la instrukciojn de la gvidanto. Kelkaj partoprenantoj opinias ke paroliga sesio estas bona maniero por ekzerci sin pri la lecionoj, kiujn ili jam lernis, kaj ankaŭ lerni novajn vortojn.

Tiuj estas la ĉefaj agadoj de nia asocio, krom aliaj, ekzemple partopreno en internaciaj aranĝoj, kiuj nun multe okazas virtuale; tio estas aparta avantaĝo por homoj, kiuj neniam fizike partoprenas eventojn. Tial, pli multe da esperantistoj, precipe miaj samlandanoj, povas sperti la etoson de nia "verda komunumo" tra la ekrano de sia komputilo aŭ ŝagtelefono. ■



# Oceano de interesaj retaj atingoj

kun kontribuoj de Bradley McDonald kaj Sandor Horvath

En Nov-Zelando, kiel en la plejparto de Aŭstralio, oni sukcese kontraŭbatalis la epidemion. Kompare kun aliaj landoj, la loĝantaro de mia lando *Aotearoa* (Nov-Zelando) nun havas ege malmultajn aktivajn kazojn. Neniuj novaj kazoj aperis en la pasintaj semajnoj escepte de kelkaj personoj, kiuj alvenis al la internacia flughaveno en Aŭklando kaj devige restis izolite dum almenaŭ du semajnoj.

Aliflanke, kronviruso ne ege disvastiĝis en Aŭstralio. Tamen, en la kontinento ja restas limigoj kontraŭ vojaĝoj interŝtataj kaj eksterlandaj.

Nuntempe, Australia Esperanto-Asocio (AEA) organizas Virtualan Kongreson kaj Somerkursaron. La datoj de la Kongreso estos inter la 9-a kaj la 13-a de januaro 2021. Teamo, kiu jam realigis serion da prelegsesioj uzante la interretan rimedon "Zoom", planas programon por tiuj tagoj menciitaj. Jonathan Cooper kaj Sandor Horvath ĉefrolas pri ĉi tiu agado. Kredeble, oni povos profiti el interagaj lecionoj kiel parto de diversa programo. Vidu pliajn detalojn: esperanto.org.au/about-us/congress/.

Nun oni spronas al lokaj grupoj tra la du landoj preparadon de kunestaj renkontiĝoj tiel, ke grupe la samideanoj ĝuos la etoson kiu kutime regas en kongreso kaj somerkursaro en frua januaro. Tiuj kiuj volas asisti pri tio nepre komunikadu kun la estraro de AEA.

Jam registritajn virtualajn sesiojn—ĉiumonate en dimanĉo posttagmeze AET (Aŭstralia Orienta Tempo) depost junio ĉi-jare—oni povas trovi ĉe la YouTube- kanalo de Australia Esperanto-Asocio. Unu el niaj ĉefaj eventoj estas nia monata prelegserio, kiu celas prezenti esperantistojn el diversaj partoj de la mondo. Ĝi okazis/as/os ĉiun trian dimanĉon. Kontrolu nian retejon por la detaloj:
aea.esperanto.org.au/eo/prelegserio-zoom-2020/.

Fine, sabaton la 17-an de oktobro per virtuala kunveno oni markis la aperon de la kvincenta numero de la periodaĵo "*Aŭstraliaj Esperantistoj*". Tiu elektronika bulteno estas la rezulto de mirinda laboro kiun faris Roger Springer ekde 2011. Esperantistoj honoris s-ron Springer per prezento de speciale farita memorlibreto, kaj homoj profitis el virtuala renkontiĝo por esprimi ties profundajn admiron kaj aprezon. Tiom da energio kaj senĉesa penado per kiuj la iniciatinto sin dediĉis dum la lastaj naŭ jaroj! ■

# KEA festas sian jubilean centjaran jaron

kun la kontribuo de Oh Soon-mo (Brila)

## Eventoj

Tri eventoj (la 52-a Korea Kongreso de Esperanto, la 100-jara jubileo de Korea Esperanto-Asocio, kaj la 2-a Esperanto-Forumo inter Shanghai kaj Seulo) okazis inter la 9-a kaj 11-a de oktobro kun la temo "*Estonto de artefarita lingvo Esperanto en la epoko de artrefarita inteligenteco*" aranĝita de KEA virtuale pro daŭranta kronviruso-19.

En la tri eventoj pretiĝis 16 programeroj; entute 216 personoj (inkluzive 54 eksterlandanojn) aliĝis. La eventoj estis publikigitaj sur 6 ĉiutagaj ĵurnaloj, 2 retaj ĉiutagaj ĵurnaloj, kaj ĉe la reta informejo de Korea Brodkasta Stacio (KBS). So Jin-su, la prezidanto de KEA, estis intervjuita de la plej influhava ĉiutaga ĵurnalo en Koreio, *Chosun Ilbo*.







## Novaj libroj

La dramo "*Ni vivos!*" verkita de Julian Modesta, bulgara verkisto, estis tradukita en la korean lingvon de Lee Jung-kee. La verkaĵo estas dediĉita al Lidia Zamenhof. Kvankam ŝia vivo estis mallonga je 38 jaroj, ŝiaj kontribuo kaj amo al Esperanto tamen estis notindaj kaj rememorindaj.

La 22-an de Julio ĉi-jare, aperis nova libro "*Sen Familio*," kiun tradukis Michel Fontaine el Francio kaj Ana Sonĝanta el Koreio unuafoje en Esperanton. La romano estis verkita en la jaro 1878 de Hector Malot, franca aŭtoro kiu estas fame konata tra la mondo.

## Junulara Agado

Jung Yu-ro (Unika) faris ĉemizon okaze de la 100-jara jubileo de KEA. La monsumo enspezita el vendoj estis donacita kiel kontribuo al Korea Esperanto-Junularo (KEJ).

Lastatempe, KEJ elektis du novajn gvidantojn: Oh Hee-yeon kiel prezidanton kaj Park Sang-hyun (Vito) kiel vicprezidanton. ■

## 38-a Komuna Seminario de Orientaziaj Junuloj

La 28-a kaj la 29-a de novembro 2020

Temo: "Vojo Trapasita, Vojo Antaŭmetota"

La historia kaj la plej longe kuranta ĉiujara junulara evento en Azio, kiel en ĉiu alia jaro, okazos ĉi-jare malgraŭ la limigoj de la pandemio.

Ĉi-jare organizata de Korea Esperanto-Junularo (KEJ), la 38-a Komuna Seminario (KS) de Orientaziaj Junuloj okazos **virtuale** de la 28-a ĝis la 29-a de novembro. La 38-a KS estos tute **senpaga** kaj malfermita al ĉiuj.

La programo de KS okazos dum tri horoj en ĉiu eventa tago kaj konsistos el mikso de antaŭregistritaj kaj vive elsendataj programeroj. Inter la konfirmitaj programeroj estos programero memore al la 1-a KS kaj la historio de la evento, raportoj pri junularaj movadoj, kaj diskuto pri eventuala starigo de formala komunumo de junularaj organizoj en Azio.

**Por aliĝi, vizitu la paĝon:** http://bit.ly/KS38Alighilo. Profitu el la ŝanco! Aliĝu kaj invitu ankaŭ viajn junajn (kaj eksjunajn) amikojn aliĝi al la evento.

Por pliaj informoj, kontaktu la organizantojn ĉe kejesperanto@gmail.com. Alternative, vi ankaŭ povas viziti la Facebook-paĝon de la evento ĉe http://bit.ly/KS38-FB.

# La 107-a Japana Esperanto-Kongreso: sub malfacila kondiĉo de la kronvirusa epidemio

Yamaguti Sin'iti

La pasintjara Japana Esperanto-Kongreso (JEK), nome la 106-a, okazis sub tre malfacila situacio, ĉar giganta tajfuno, kiun oni neniam ĝis tiam spertis, rekte atakis la tutan Japanion. Ĉi-foje, kvankam feliĉe la vetero estis bona, alia malfacilaĵo kovris ne nur Japanion sed la tutan mondon: jes, temas pri la kronvirusa epidemio.

La 107-a JEK havis sian lokon en Nagojo, la kvara plej granda en Japanio. Tiu ĉi urbo estas historie kaj industrie grava, situante en la meza parto de la lando, kun du milionoj da loĝantoj. La kongresejo (*Winc Aichi*, 18-etaĝa moderna konstruaĵo) troviĝas tuj antaŭ la stacidomo de Nagojo, ĉirkaŭate de multaj alt-etaĝaj konstruaĵoj, kaj tie svarmas multaj oficistoj, butikumantoj kaj turistoj. La 107-a JEK celis altiri ilian atenton kaj interesiĝon al la ekzisto de Esperanto.

Kiam la epidemio pli kaj pli disvastiĝis, la marta kunsido de Loka Kongresa Komitato (LKK) je la unua fojo konsideris la eblecon de nuligo aŭ prokrasto de JEK. Sed tiam, kiam la situacio ne estis tiel severa, preskaŭ ĉiuj LKK-membroj pensis pli-malpli optimisme, kaj LKK decidis daŭrigi preparadon de la kongreso ĝis la lasta horo, ĉar neniu povus antaŭdiri certaĵon. Poste, la situacio pli kaj pli montriĝis severa; evidentiĝis, ke preskaŭ neniu povos viziti Japanion el eksterlando. Centra kaj regionaj registaroj admonis, ke loĝantoj restu hejme escepte de nepre necesaj okazoj, kaj laborantoj hejme plenumu siajn taskojn. Kvankam tio estis nur admono kaj ne dekreto, preskaŭ ĉiuj japanoj obeis la admonon.

LKK-kunsidoj mem okazis ne reale sed virtuale, komence per *Skype* kaj poste per *Zoom*. Dume, de majo ĝis julio, ene de LKK daŭris arda diskutado, kaj ĉefe tri opinioj prezentiĝis: (1) nuligo aŭ prokrasto, (2) daŭrigi preparadon cele al ordinara kongreso kun iom malpli granda skalo, (3) reta kongreso. Rezulte, la dua kaj la tria opinioj kunfandiĝis, kaj naskiĝis

la nova maniero, kiun neniu Esperanto-Kongreso en la mondo ĝis tiam spertis, nome "hibrida" kongreso. Por tio ni alprenis *Zoom* kaj *Discord*.

Plene reta aŭ virtuala kongreso ne estas tre malfacila. Tamen, hibrida kongreso bezonas multajn ekipaĵojn, specialan konon, kaj teknikistojn. Ĝi estis des pli komplikega, ĉar la kongresejon ni uzis je la unua fojo kaj ne estis ebleco de anticipa provo aŭ ekzameno de surlokaj ekipaĵoj. Feliĉe, en LKK estis profesoro pri telekomunikada inĝenierarto, kaj li gvidis la aferon, kvankam eĉ li mem ŝvite laboris kaj foje fuŝetis. Hibrida maniero estas malfacila, ankaŭ pro tio ke multaj, ĉefe maljunaj, partoprenantoj ne povas libere manipuli retajn rimedojn. Tial, LKK havis plurajn antaŭkursojn por helpi al ili uzi tiajn rimedojn.



La 107a Japana Esperanto-Kongreso 2020-09-20/22

Ankoraŭ alia specialaĵo estas menciinda. Feliĉe, dum la kongreso neniu partoprenanto infektiĝis pro la kronviruso. Tio estas dank' al kelkaj kontraŭrimedoj por preventi infektiĝon, kiujn LKK alprenis: limigo de ĉeestantoj en ĉiu ĉambro kaj halo, ĉiutaga ekzameno de temperaturo de venintoj, ĉiuhora malinfekta purigado kaj aerumado, devigo de masko al ĉiuj, uzo de travida ŝirmilo ĉe la giĉeto, ktp.

La tuta partoprenantaro nombris 359, el kiuj 120 estis fizikaj (kiuj reale vizitis la kongresejon), 104 retaj (per *Zoom* aŭ *Discord*), kaj 84 moralaj. Ceteraj aliĝintoj probable rezignis ne nur fizike viziti, sed ankaŭ rete partopreni. Tiu ĉi nombro estis kompreneble multe malpli granda ol nia

komenca supozo, sed estis neevitebla. (*Cetere, la nombro 359 estas preskaŭ egala al 360, la nombro de aliĝintoj de la 53a JEK, kiun Nagojo invitis lastfoje en la jaro 1966.*)

Kvankam aliĝintoj ne estis multaj, la enhavo estis sufiĉe riĉa kaj kontentiga kun ĉ. 40 programeroj. Kelkaj programeroj estis publikaj, ekzemple okarina koncerto, enkonduka kurso, prezentado de Esperanto ktp. kaj 18 homoj—ne aliĝintaj—senpage vizitis ilin. Krom publikaj programeroj menciindas interalie la simpozio "Por la rilato inter japanoj kaj koreoj: Kion Esperanto faris kaj povas fari?" en kiu unu simpoziano el Koreio parolis virtuale. Estis ankaŭ 6 sesioj de kongresa universitato kun buntaj temoj; 3 retaj prelegoj en Esperanto fare de eksterlandaj gastoj el Indonezio, Hungario, kaj Ĉinio; Reta renkontiĝo kun filipinaj junuloj, k.a.

La kongreson vizitis tri ĵurnalistoj de du tagĵurnaloj kaj unu televida elsendejo. Pri la supre menciita simpozio loka tagĵurnalo raportis en la fina tago de la kongreso kun foto kaj klarigo pri Esperanto. Kaj alia ĵurnalo pri la faka kunsido pri Saito Hidekatsu, kiu estis esperantisto kaj lingvisto arestita du fojojn pro sia kontraŭmilita kaj maldekstrema opini-esprimado antaŭ la dua mondomilito.

Kelkaj programeroj estis nuligitaj aŭ malampleksigitaj, ekzemple la bankedo kaj ekskursoj. Ĉiukaze, kongresanoj sufiĉe ĝuis la enhavon. La venonta kongreso okazos en Hiroŝimo, la urbo atombombita por la unua fojo en la mondo. ■




## La 108-a Japana Esperanto-Kongreso en Hiroŝimo

la 18-a, 19-a, kaj 20-a de septembro 2021

**Kongresejo:** JMS Aster Plaza (ties Kultur-Centro Naka, 4a etaĝo japansenca). Malpli ol 4 kilomentoj sudokcidente de la stacidomo Hiroshima. Necesas 15 minutoj per taksio aŭ pli per aŭtobuso aŭ tramo.

### Temo: "La mondon ligas animoj de Hiroŝimo"

Animoj de Hiroŝimo estas volo agadi kun la celo kaj la deziro, ke neniu en la tuta mondo fariĝu viktimo de nuklea milito. Rilate al la temo, okazos publika prelego, faka kunsido "heredo de la travivo" kaj aliaj similaj programeroj. Ne mankos la kutimaj programeroj kaj lokaj specialaĵoj.

# Ĉefaj programeroj (provizoraj)

- **la 18-an de septembro (sabate)**
  Akceptejo (ekde 12:00), Publika prelego (ekde 13:00), Inaŭguro (ekde 15:10), Fakkunsidoj (ekde 16:30), Vespere: Komuna Bankedo (ekde 18:30)
- **la 19-a de septembro (dimanĉe)**
  Fakaj kunsidoj (ekde 9:10)
- **la 20-an deseptembro (lunde)**
  Matene: Fakaj kunsidoj (ekde 9:10), Solena Fermo (ekde 11:10)
  Ekskursoj (ekde 13:00): 1. Turismo en Miyajima, 2: Pacmemoriga Muzeo Hiroŝima.

**Memoraĵo:** "Promenado en Hiroŝimo" (libro)

**Kotizoj**

1. Vojaĝanto al Japanio de eksterlando - 2 000 enoj
2. Loĝanto plenaĝa en Japanio:
   - 5 500 enoj (ĝis la fino de marto 2021)
   - 6 000 enoj (ĝis la fino de junio 2021)
   - 7 000 enoj (ekde la komenco de julio 2021)

Pri ceteraj kotizoj (handikapulo, unuafojulo, junulo, morala partopreno, ktp) demandu al Japana Esperanto-Instituto (vidu informon malsupre).

**Loĝado:** Petu rete al JEI. Prezentota estas la rezervita loĝejo aŭ listo de hoteloj proksimaj al la kongresejo.
**Foto:** 1 000 enoj
**Tagmanĝo:** Proksimas du restoracioj kaj du oportunaj vendejoj.

**Pri detaloj, havu kontakton kun Japana Esperanto-Instituto:**
JP-162-0042 Tôkyô-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
+81-3-3203-4581, fakso: +81-3-3203-4582
jek2021@jei.or.jp; https://www.jei.or.jp/eo/

# Irana Esperantujo: aktiva en somero, varma en agado

kun la kontribuo de Hamzeh Shafiee

La movado en Irano jam montras brilajn atingojn depost la okazigo de la 7-a Irana Esperanto-Kongreso (IrEK-7) en aprilo 2020. En la monatoj post la kongreso, Irana Esperanto-Asocio (IrEA) iniciatis novajn agadkampojn precipe virtuale, kiuj montriĝis ege efikaj kaj rezultodonaj.

S-ino Heŝmat Faraĝi, delonga kaj subtenema esperantisto, kiu nuntempe loĝas eksterlande, donacis sian ĉiumonatan pension al IrEA. Tio donis al la asocio eblecon realigi multajn planojn por plivigligi la movadon enlande kaj eksterlande en la internacia tereno – precipe per ekuzado de pagita Zoom-konto, kiu havigas senliman utiligadon de ĝi. Jen superrigardo al la listo de agadoj de IrEA dum la monatoj ekpost la aprilo ĝis nun:

## Diversaj klerigaj programeroj

Okazigo de pli ol 50 diversaj programeroj, ekz. intervjuoj kun famaj movadanoj kiel prof. Renato Corsetti kaj s-ino Heidi Goes, Prelegoj, lingvo-kursoj, Origami-atelieroj, "Kunpens(ig)adoj pri Esperanto en Universitatoj," poem-deklamadoj, kaj retaj seminarioj. Ĉiuj menciitaj programoj okazis per la Zoom-konto de IrEA. Preskaŭ ĉiuj programoj estas registritaj kaj la koncernaj filmoj elŝuteblas en la retejo de IrEA (www.espero.ir).

## 15-jariĝo de monataj prelegoj: ankaŭ kun eksterlandaj gastoj

En septembro, IrEA festis la 15-jariĝon de la konstanta ĉiumonata programo "Monataj Prelegoj," dum kiuj plejparte iranaj esperantistoj prelegas pri plej diversaj temoj, ĉu movadaj, ĉu nemovadaj. Depost la virtualiĝo de Esperantujo, ankaŭ eksterlandaj esperantistoj, kiel s-ino Mirejo Groĵan—la prezidanto de ILEI—prelegas por ni. Dum la pasintaj 15 jaroj, pli ol 150 prelegoj pri tre diversaj temoj okazis pere de 20 prelegintoj. Tiuj ĉi monataj prelegoj estas la plej longdaŭraj kaj regule okazantaj programoj de IrEA. Ilin iniciatis d-ro Keyhan Sayadpour, kiu ankaŭ nun estas la prezidanto de IrEA.

## Nova numero de Irana Esperanto-Podkasto

En oktobro publikiĝis la 8-a numero de la Irana Esperanto-Podkasto. La podkastojn faras kolektive pluraj iranaj esperantistoj kaj ili enhavas ege diversajn programerojn, de novaĵoj kaj anekdotoj ĝis libroprezentadoj, sciencaj materialoj kaj muziko.

## "Irana Esperantisto"—jam en sia 50-a numero

La 50-a numero de la revuo "Irana Esperantisto" publikiĝis fine de la somero. La unua numero de la revuo aperis en 2002. Ĉiuj numeroj de tiu ĉi 32-paĝa sezona revuo (t.e. aperas kvarfoje jare)—kies materialoj estas preskaŭ duone en Esperanto kaj duone en la persa lingvo—senpage elŝuteblas el la retejo de IrEA.

## Esperanto-Kursaro "Tibor Sekelj": diverslingva Esperanto-kursaro

La projekto "Esperanto-Kursaro Tibor Sekelj", kiu celas produkti kaj senpage prezenti en la intereton diverslingvajn virtualajn Esperanto-kursojn, sufiĉe bone progresas. Ĝis nun, kursoj de Esperanto en la araba, kurda, svahila, vjetnama, indonezia kaj persa lingvoj estas pretigataj. La finpretigitaj kaj progresantaj kursoj estas je la dispono de internacia publiko en la retejo de IrEA (https://www.espero.ir/eo/kursaro/ ).

## Retaj seminarioj por la irana publiko

Dum la somero, IrEA okazigis tri retajn seminariojn por prezenti Esperanton al la ekstera publiko, fine de kiuj ni ankaŭ varbis novajn lernantojn por niaj—nun virtualaj—elementaj kursoj de Esperanto. Por allogi pli da interesatoj kaj scivolemuloj al partopreno en la retaj seminarioj, ni invitis tre famajn eksterlandajn prelegantojn kaj petis ilin prelegi Esperante pri Esperanto, dum ni faris sinsekvajn tradukojn de la prelegoj en la persan. Jam estas planita ankaŭ pli granda kaj pli alloga reta seminario por la 22-a de oktobro 2020 kun prelegoj de tri renomaj profesoroj eksterlandaj: profesoroj Humphrey Tonkin, Renato Corsetti, kaj Francesco Maurelli. La programo virtuale okazis en unu el la plej grandaj universitatoj de Irano, nome la Universitato de Mazandarano, kiu situas en la norda parto de Irano.



# Etaj (kaj retaj) sukcesoj el Barato

Giridhar Rao

Ĝis antaŭ la pandemio, okazis pli-malpli monataj BER-oj: Bengaluraj Esperanto-Renkontiĝoj. Inter aprilo kaj aŭgusto, esperantistoj el Barato okazigis kvin kunsidojn retajn. Ĝuste pro tiu virtuala formo, povis ĉeesti niajn VERB-ojn (Virtualajn Esperanto-Renkontiĝojn de Barato) ne nur tutlandaj samideanoj (tio ne eblis dum niaj fizikaj renkontiĝoj), sed ankaŭ esperantistoj de tute foraj lokoj: el najbaraj Bangladeŝo kaj Srilanko, kaj ankaŭ el Brazilo kaj Kenjo!

Diversajn retajn aranĝojn partoprenis pluraj el niaj membroj. Jen kelkaj el ili: ATEO, IJK, KAEST, Londona Esperanto-Klubo, VEKI, kaj VK.

Paradokse do, kaj malgraŭ kaj pro la tutmonda krizo, Esperantistoj en Barato sukcesis iom aktiviĝi! ■

## LIGILOJ

KAOEM

**KAOEM-Retejo**
http://www.esperantoazia.net/

**Membriĝo al la Retejo**
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm

**(Klarigo pri la membriĝo al la retejo)**
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356

**Novaĵoj** (se vi havas novaĵon pri vialanda Esperanto-agado):
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novaĴo

**Azia Movado: lsto de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio**
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado

**Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj**
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj




## Karaj legantoj,

Ĉu vi ŝatus kontribui al pli bona informado pri la esperantista movado en Azio kaj Oceanio? **Se via respondo estas "jes," la redakcio bezonas vin!** Kontribuu per viaj raportoj kaj artikoloj al la venonta numero (110) de ***Esperanto en Azio kaj Oceanio***! La jenaj tipoj de kontribuoj estas aparte bonvenaj:

- **Via opinio**, **analizo**, aŭ **espero** pri Esperanto-movado vialanda, azia aŭ monda en historia aŭ teoria vidpunkto;
- **Informoj** aŭ **ideoj** utilaj por agado aŭ lingvolernado;
- **Raportoj** pri vialandaj/urbaj agadoj, se ili okazas malgraŭ la pandemio utiligante interreton aŭ iun alian rimedon.

Viaj raportoj prefere atingu la redakcion ĝis la **1-a de decembro 2020**. Sendu ĉiujn viajn kontribuojn, demandojn, kaj alispecajn mesaĝojn al albertstgarrido@gmail.com.